# KATOLIKA MONDO

9a Kolekto
No. 14

Monata Aldono:
La Juna Batalanto

Fondita
1921

Esperanto-Organo de
Internacio Katolika






Ĉefredaktoro
Pastro D-ro Joseph Dieninghoff,
religia profesoro en Apostola Gimnazio, en Köln
KUNREDAKTOROJ: Prof. Carolfi, OFM, Italujo; Kaspar Mayr, Aŭstrujo: Prelato A. Dombrowski, Litovujo; Pastro Makara, Polujo; Prof. P. Muffang, Francujo; W. Solzbacher, Germanujo; Pastro Johano Kozma, Hungarujo.

Adreso por ĉiaj sendajoj: K. M., Köln-Lindenthal



Aperas duonmonate

15a Novembro 1928

ABONO: egalvaloro de 1,80 sv. fr. kvaronjare. Oni mendu ĉe la ĉefadministracio aŭ ĉe la poŝtoficejo.
REKLAMO: Po unucentimetra kolonero egalvaloro de 2,— sv. fr. — Anoncetoj po enpreso (ĝis 15 vortoj) 0,75 sv. fr. (antaŭpage).

POŜTĈEKAJ KONTOJ: Beograd 68009. - Bruxelles 185734 - Budapest 59169 - 'sGravenhage 125537. - Köln 76105 - Paris 80061. - Praha 77396 - Roma 1/2600. - Warszawa190972. - Wien 162473.


# DU GRAVAJ INTERNACIAJ KONGRESOJ.

## LA IKA-KONGRESO EN BREGENZ

Je la dua fojo okazis en ĉi tiu jaro la IKA-kongreso (ĝi estas la VIII-a) en la bela urbeto **Bregenz** sub prezido de **Lia Episkopa Moŝto Msgr. Dr. Siegmund Waitz**, apostola administranto de Feldkirch-Innsbruck. Ĝi komenciĝis la 1 aŭgusto kaj finiĝis la 5 aŭgusto. Nunjare ĝi estis **faka konferenco pri la moderna industriismo**, kaj preskaŭ ĉiuj partoprenintoj estis 'famkonataj fakuloj. Bedaŭrinde la nombro de la landoj reprezentitaj ne estis granda: Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Hungarujo, Ĥinujo, Svisujo. Nia kara kunlaboranto. **Prof. P. Modesto Carolfi O. F. M.** bedaŭrinde pro pasportaj malfacilajoj ne povis veni, por persone legi sian interesan raporton pri la nova faŝista laborjuro en Italujo. En la **malferma kunsido** la **episkopo** salutis la ĉeestantojn. Laŭ lia opinio la IKA-kongresoj ne devus esti amasaj kunvenoj, sed renkontoj de rondo da homoj, kiuj volas profunde studi kaj diskuti la plej malfacilajn problemojn konektitajn kun la sociala demando. Nome de la **IKA-prezidantaro** (el kies membroj ĉeestis Msgr. Montero, Registara Konsilanto Pastro Metzler, Msgr. Pfeiffer kaj W. Solzbacher) salutis **Metropola Katedrala Kanoniko Msgr. Dr. theol. et phil. et jur. Ildefonso Montero Diaz**, direktoro de la Internacia Katolika Gazetara Institucio «Ora et Labora», Toledo, (Hispanujo). Unue li salutis la plej respektindan episkopon, due la plej honorindajn abatojn, prelatojn, superulojn de ordenoj, la delegitojn de kardinaloj kaj episkopoj, la dekanon kaj urbparoĥestron, fine la afablajn gastigantojn el Bregenz kaj ĝiajn registarajn aŭtoritatojn, kaj la reprezentantojn de la katolika gazetaro. Li ankaŭ salutis nome de Lia Kardinala Moŝto Msgr. Segura, ĉefepiskopo de Toledo kaj primato de Hispanujo.

**Msgr. Pfeiffer** laŭtlegis **telegramon de la Sankta Patro** kaj leteron de Lia Kardinala Moŝto **Seredi,** ĉefepiskopo de Gran-Budapest kaj princa primato de Hungarujo.

Nome de la **landa registaro de Vorarlberg** salutis landa konsilisto **D-ro Mittelberger.**

**Episkopo Waitz** faris kiel unua vere eminentan paroladon pri «Eklezio, socialismo kaj sociala problemo» (Ni publikigos ĝin en K. M.). La programo estis tre zorge ellaborita. Okazis unue la paroladoj, kaj poste sekvis detala kaj profunda diskutado, kiun je la fino resumis la episkopo.

Katedrala vikario **pastro D-ro F. X. Landmesser el Aachen** (Germ.) faris gravan paroladon pri la **kristana proprajojuro kiel bazo de la reformo de la moderna industriismo,** donante resumon de la nuntempaj teorioj kaj opinioj el parolitaj en la rondoj de la kristana teologio kaj sociologio. (Ni publikigas la paroladon en K. M.). Valoran kompletigon tiu referato ricevis per la raporto de **Prof. D-ro Aleksandro Horvath O. P.** el Budapest (Hung.) pri la proprajojuro laŭ **Sankta Thomas Aquinas.** Poste venis pli praktikaj temoj. **Universitata Profesoro D-ro Molitor el** Leipzig (Germ.) raportis pri **modernaj ŝtataj socialpolitikaj klopodoj,** dum ke **D-ro Kœnig** el Berlin (Germ.) klarigis estiĝon kaj esencon de la **moderna laborteknikо. — Msgr. Montero** el Toledo (Hispanujo) raportis pri la **katolika gazetaro en Hispanujo, Msgr. Pfeiffer** laŭtlegis la referaton de **Prof. P. Modesto Carolfi O. F. M.** el Forli (Italujo) pri la nova **faŝista laborjuro en Italujo,** la parolado de Patro Carolfi estis kompletigata per alia raporto el Italujo legita de juna ĉeĥoslovaka pastro. — **Jean-Marie Tan,** prezidanto de la Katolika Asocio de la Ĥina Junularo, paroladis pri **«la moderna industriismo kaj la kolonia imperialismo»,** kaj **P. Arnou S. J.,** de la Internacia Labor-Oficejo en Genève, raportis pri **laborista juro kaj laborista protekto el la internacia vidpunkto.**

Ne estas eble, raporti ĉi tie pri la evoluo de la diskutado, kiu ĉiam estis tre interesa, kvankam scienca. Precipe valore partoprenis en ĝi krom la episkopo **P. Biederlack S. J.,** eksprofesoro en la Roma Gregoriana Universitato kaj **Pastro D-ro Mesner** el Wien (Aŭstrujo), krome multaj kompetentaj teologiistoj, juristoj kaj sociekonomiistoj.

Post komenco de la kongreso ankoraŭ alvenis letero de **Lia Ĉefepiskopa Moŝto Msgr. Pacelli,** apostola nuncio en Berlin, senkulpigante lian nevenon kaj sendante la plej sincerajn salutojn.

Laŭ propono de **Msgr. Pfeiffer** la kongreso unuanime akceptis la jenan **rezolucion kontraŭ la percekutadoj en Meksikio:**

La VIII-a Internacia Katolika Kongreso de IKA kunveninta en Bregenz (Aŭstrujo), diskutante la aplikadon de la principoj de la justeco kaj amo en la moderna socia vivo, tiras la atenton de ĉiuj homoj juste pensantaj al la sanga persekuto kontraŭ la kristanoj en Meksikio kaj petas ilin, precipe tiujn, kiuj en la gvidantaro de la ŝtatoj, en la parlamentoj kaj senatoj de la diversaj landoj, konfesas la kristanajn principojn, ke ili per s.a forta influo en la nacia kaj internacia kampoj efektivigu la forigon de la meksikaj teruroj.

Laŭ peto de **Msgr. Montero** la kongreso akceptis ankaŭ jenajn rezoluciojn:

1. La VIII-a Internacia Katolika Kongreso en Bregenz 1928 renovigas la decidojn pri la gazetaro akceptitajn en la antaŭaj IKA-kongresoj 1922 en Luxembourg, 1923 en Konstanz kaj 1924 en Lugano, speciale ĝi rekomendas la ĉiujaran solenadon de la **gazetara tago** (je la festo de la Sanktaj Apostoloj Petro kaj Paŭlo, 29 junio) en ĉiuj landoj kun la programo «preĝo, propagando, monkelekto»' kiu formo en Hispanujo de 13 jaroj bonege sukcesis.

2. La kongreso opinias, ke estas dezirinde, konsideri la internacian katolikan gezataran intitucion « Ora et Labora » kiel centrejo de la katolika gezetara tago. Kvankam ĝi ricevas kiel nacia centrejo de la gazetara tago 5 centonojn el la gazetaraj monkolektoj el ĉiuj hispanaj eparkioj estas dezirinde, ke ĝi ricevu por la internacia propagando 5 milonojn el la gazetaraj kolektoj de la aliaj landoj.

3. La kongreso rekomendas al la katolikoj de la tuta mondo, ke ili kunlaboru en realigo de la programo de « Ora et Labora » kaj ĝia direktoro Msgr. Montero, per preĝo, donacaj, persona kunlaboro kaj sendo (al la adreso: Apartado Postal 28, Toledo) de libroj, presajoj, informoj, statistikaj sciigoj pri la katolika gazetaro kaj de la katolikaj publikigajoj ĉiuspecaj el ĉiuj landoj.

Poste okazis la **novelekto** de tiuj membroj de la **IKA- prezidantaro,** kies ofica periodo estas finita (Ĉiuj membroj de la prezidantaro estas elektataj por **tri jaroj).** En la nuna jaro finiĝas la periodo de la s-oj Prof. Arnold (Svisujo), Kaspar Mayr (Anglujo), Msgr. Montero Diaz (Hispanujo), Don Vercesi (Italujo) kaj Comm. de Noaillat (Francujo). Estas per aplaŭdo reelektitaj kiel **membroj de la IKA- prezidantaro Prof. Arnold, Kaspar Mayr, Msgr. Montero, Comm. de Noaillat.**

Je la fino de la kongreso Msgr. Pfeiffer laŭtlegis jenan leteron de **Lia Kardinala Moŝto Msgr. Serédi,** princa primato de Hungarujo:

« Mi ricevis la sciigon pri la jara kunveno baldaŭ okazonta, por pri paroli la aferojn de la paco inter la katolikaj nacioj. Kion vi kun entuziasma koro volas plenumi,

tion mi sincere laŭdas kaj petas Dion, la Sinjoron, ke Li per sia graco plifaciligu viajn klopodojn. Se mi rigardas tiujn klopodojn, kiuj ĉiam fariĝas pli fortaj inter la kristanaj nacioj kaj kiu rilatas al la renovigo de la harmonio de la animoj kaj la plifortigo de la publika ordo, mi facile komprenas, ke la ŝanĝiĝo de la aferoj en la jardeko pasinta depost tiu klopodas akceli la kristanan pacon. Vi ja scias ekzakte, ke estas la Sinjoro, kiu donos al la mondo la spiriton de la paco; sed en la koroj la celado al al paco ne estas enradikiĝinta, tiam oni sensukcese atendos ĝin de supre.

Mi do deziras al vi, ke vi akcelu per viaj laboroj la celadon al kristana paco, kaj por ke vi vidu, kiom mi vian aferon faras mia, mi sendas al vi la plej honorindan prelaton kaj Budapestan urbparoĥestron **Mgr Stefanon Madarasz,** por ke li nin persone reprezentu.

Estus al mi plej agrable, se via sekvonta kongreso okazus en Budapest, je la festtago de Sankta Stefano, reĝo de Hungarujo (20 aŭgusto). Mi tutkore invitas vin, veni tien, kaj salutas vin en la amo de Kristo, Princo de la Paco. Estu benataj!

mp. Justinianus Card. Serédi,
Princeps Primas Hungariae,
Archiepiscopus Strigoniensis. ».

Oni decidis akcepti tiun afablan inviton kaj okazigi la IKA-kongreson en la sekvonta jaro en **Budapest.**

Unu posttagmezon oni sekvis la inviton de la episkopo de Feldkirch, farante ĉarman ekskurson sur la Alpo-monton Pfänder.

La IKA- kongreso faris gravan laboron, pritraktante sian aktualan temon. Kelkaj kritikaj rimarkoj estas troveblaj en speciala artikolo en K. M. W. S.

## LA 13A KONGRESO DE IKUE

*(12. — 15-8-28, en Tilburg, Nederlando.)*

Anoj de IKUE kaj IKA lasttempe plu vigle diskutadas la problemon pri koncentrigo de la Esperanto-movado katolika kaj kun ĝojo oni povas konstati, ke la diskutoj ne plu estas tiel polemikaj kiel en antaŭaj jaroj, ke oni ankaŭ ne plu traktas la personan sed pli la objektan aferon. En ĉiuj tiaj publikigaĵoj oni povas legi el inter la linioj la ardan deziron, ke tia unuiĝado plej eble baldaŭ efektiviĝu, eĉ se ĝi kostus oferojn ĉe ambaŭ flankoj. Nek ano de IKUE, nek de IKA povas kontraŭstari ĉi tiun koncentrigon. Sed ekzistas grava malhelpaĵo, kiun jam aludis pastro Makara en la lasta eldono de K. M., kies forigo certe kaŭzos al ni multan laboron. Plej evidentiĝis ĉi tiu malhelpaĵo al tiuj, kiuj bone observis la evoluon de la du organizaĵoj kaj kiuj vizitis la kongreson de IKUE en Tilburg, pri kiu mi volas raporti ĉi-sube.

*Alveno.* Tilburg pro du kaŭzoj en ĉi tiu jaro estis la kongresurbo : unue la kongrestemo «La katolika instruado» nenie povas esti pli bone diskutata ol en Tilburg, la urbo de la instruado ; due la katolika Esperanto-movado en ĉi tiu urbo estas plej vigla. Do ĉu mire, ke la estraro de IKUE kunvokis siajn anojn tien ?

La viglecon de la Tilburga grupo oni jam povis konstati sabatan (11/8) vesperon, kiam la unuaj eksterlandaj kongresanoj alvenis. Kelkaj gesamideanoj akceptis la vojaĝintojn ĉe la stacidomo kaj kondukis iliu al ilia gastejo kaj poste al la akceptejo. Ĉi tiu estis tutplena de esperantistoj precipe Tilburgaj, kiuj tuj komencis turmenti ĉiun alvenantan eksterlandanon al skribado de lia nomo en la kongreslibron (dua eldono, aĉetebla por 25 cendoj). Respektinda estas la saĝeco de LOK, kiu por tiu celo jam rezervis kvar paĝojn en la libro, kiuj tamen ne sufiĉis. Cetere la vespero estis sen distraĵoj kaj tial iom enuiga.

*La unua tago.* La sekvintan matenon jam frumatene pleniĝis la akceptejo, kie oni nun povis saluti la alvenintajn 300 kongresanojn el 13 diversaj landoj. Je la 11 ½ horo lia episkopa moŝto A. F. *Diepen* (s' Hertogenbosch) celebris sanktan meson, asistita de la pastroj Font Giralt, G. Rotondo fu Michele kaj Poell. La partoprenintoj, por ne tro plenigi la poŝojn, nur kunportis preĝlibron kaj la duan eldonon de la kongreslibro, sed la kantojn oni nur povis trovi en la unua eldono. Post fotografado antaŭ la preĝejo oni procesie iris al kinematografejo «Nieuwe Bioscoop», kie estis

**la oficiala malfermkunveno**

de la kongreso. S^ro Fr. *Smarius*, prezidanto de la Tilburga klubo «Ame kaj pace» en sia malfermparolado povis i. a. saluti la estraron de IKUE, la episkopon kaj la parlamentanojn T. W. de Jong van den Heuvel kaj J. van Rijzewijk. Poste parolis s^ro *Heilker*, prezidanto de «Nederlanda katoliko» kaj prof. *Font Giralt*, prezidanto de IKUE. Post ripeto de la paroladoj en nederlanda lingvo sekvis la salutparoladoj de la diversaj precipe eksterlandaj asocioj. Parolis i. a. f^ino E. A. *Mann*, London, f^ino F. *Hodl*, Vieno, pastro *Ramboux*, Paris, pastro *Czech*, Seifen, s^ro *Lehner*, Graz, s^ro *Janik*, Wilkie Hajduki, s^ro *Buhr*, Praha, f^ino *Haesele*, Zürich, s^ro *Hadijar*, Budapest, pastro *Casanovas*, Gerona, s^ro W. *Solzbacher* nome de la IKA, prezidantaro kaj de la IKA-kongreso en Bregenz. Cefe li akcentis la grandan autaŭenpaŝon, kiun faris IKUE, elektante tian temon por la traktadoj dum la kongreso. Pluen marŝante sur ĉi tiu vojo, la unueco en la tutmonda katolika agado ne estas malproksima. Laste ankaŭ f^ino *Reiff*, Koln, salutis la kongreson en la nomo de Mondjunularo Katolika (MOKA). Post la konigo de kelkaj alvenintaj salutleteroj oni telegrafe petis la Papan benon. Lia ep. m. *Diepen* en Nederlanda kaj poste franca (!) lingvoj alparolis la kongresanojn kaj deziris bonan sukceson. S^ro *Schendeler* poste ripetis la paroladon en Esperanto. Ferminte la salutkunvenon, la kongresanoj formis procesion al la statuo de Jesuo, kien ili dediĉe metis florbukedon. En la procesio oni rimarkis i. a. la novan flagon de IKUE kaj la flageton de MOKA.

Posttagmeze estis la unua *laborkunsido.* Unue sekvis ankoraŭ kelkaj salutparoladoj de pastro *Violi*, s^ro *Thœmmes*, kiu parolis nome de la redakcio de K. M. kaj alportis *salutleteron de la ĉefepiskopo en Kœln*, s^ro *Klein*, Essen, nome de la Germana pacligo katolika, kiu akcentis la valoron de la instruado rilate la pacideon. Laste ankaŭ s^ro *Macauley*, salutis la kongreson en la nomo de la Irlandaj katolikoj esperantistoj.

Sekvis raporto pri la *instruado al surdmutuloj*, kiun verkis prof. *Lathouwers* de St. Michielsgestel kaj kiun legis s^ro *Schendeler*, kaj poste raporto pri la *instruado en Hispanujo* de prof. Font Giralt. Dum la diskutado oni ankaŭ akcentis, ke la legado de la Esperanta Biblio el la eldonejo de protestanta Biblio-unuiĝo al katolikoj ne estas permesata. Rekomendinda estus la eldonado de partoj de la Biblio kun klarigoj, kiujn oni poste povus entute eldoni.

Intertempe okazis sonorilarkoncerto de la preĝejo de Sankta Jozefo. Vespere estis *amuza kunveno*, dum kiu kvar infanoj bonege prezentis teatraĵon «Ĉiulandulinoj» ; s^ro *Nivard* (Groningen) amuzis per prezentado de humoraĵoj kaj kelkaj Tilburgaj gesamideanoj distris per kantado.

*La dua tago.* Matene je la naŭa okazis sankta meso por la mortintoj de IKUE, celebrita de pastro Ramboux post kiu pastro Font Giralt predikis. Je la 11-a estis

**oficiala akcepto en la urbdomo**

La urbestro salutis la kongresanojn kaj bedaŭris, ke li tion ne povas fari en Esperanto. Li akcentis la necesecon de tia lingvo, kiu estas destinita por forigi la barilojn inter la nacioj sur la vojo de la homaro de la familio al la gento, de gento al nacio kaj de nacio al tuthomaro. Post respondo de la prezidanto oni interparolis ankoraŭ kelkan tempon trinkante kaj fumante prezentaĵojn. Kantinte la nederlandan himnon en E° kaj fariute fotografaĵon antaŭ la urbdomo oni adiaŭis de la gastema urbestro. La *dua laborkunsido* estis posttagmeze. En ĝi s^ro *Kudrna*, (Praha) raportis tre vigle pri la instruado en Ĉeĥoslovakujo, precipe pri la batalo de la katolikoj por instruado de religio en la lernejoj. Ĉi tiu raporto estis la plej interesa el ĉiuj kaj prave la raportinto diris, ke nur tiam, kiam la katolikoj estas devigataj defendi sian kredon, regas bona katolika agado, nur tiam montriĝas la vera religieco de la popolo. Post ĉi tiu interesplena raporto Frato*Dositeo* parolis pri *la instruado en la blindulejo «De Wijnberg»* en Grave. Je la 16 ½ h. okazis omnibusa veturado tra Tilburg.

La *tria laborkunsido* komenciĝis je la 20 ½ h. vespere. En ĝi s^ro Schendeler legis raporton pri la katolika instruado en Polujo, verkita de s^ro *Janik*, kaj pastro Font Giralt legis tian pri Aŭstrujo de A. *Conrad* (Graz). Dum sekvinta diskutado montriĝis, ke la raportoj estis tro mallongaj kaj ne sufiĉe profundaj por uzi ilin kiel bazon de fruktodona diskutado aŭ komuna agado estonta. Ankaŭ mankis la kunlaborado de la centroj tiurilataj en Belgujo kaj Italujo. Pastro Ramboux plendis ankaŭ pri manko de kunlaborado flanke de la anoj en la gazetservo. La daŭrigo de ĉi tiu interparolado fine estis proponata por la lasta kunveno kaj la prezidanto fermis ĉi tiun kunvenon.

*La tria tago* estis sen laborkunsidoj. La anoncita parolado kun lumbildoj pri «La tasko de la instruado rilate la reunuiĝon de la eklezioj» ne povis okazi. Kelkaj kongresanoj jam forvojaĝis dum la antaŭtagmezo. La restintaj veturis posttagmeze je la 15-a horo omnibuse al Oisterwijk. Reveninte de tie ili partoprenis posttagmezan manĝon laŭ Brabanta maniero en «Huize Nazareth», orfejo en Tilburg. Vespere estis koncerto sur Heuvel-placo je la honoro de la kongresanoj.

*La kvara tago.* Matene estis je la 9-a h. sankta meso, post kiu pastro Ramboux predikis en Esperanto pri la laŭtaga temo de ĉieleniro de Mario. Je la 11-a horo komenciĝis la kvara laborkunsido *(ĝenerala kunveno* de IKUE). La jarraporto de IKUE, kiun faris s^ro *Heilker*, no[illegible] 1373 membrojn en 30 landoj.

Poste s^ro *Lehner* (Graz) protestis, ke la propono de la grupo. Em. Peltier pri unuigado de IKUE kaj IKA ne estis en la tagordo de la kongreso, kvankam ĝi sufiĉe frutempe estas farita. La prezidanto atentigis pri la publikigaĵoj en Espero Katolika, en kiuj la estraro klarigis sian opinion. Propono je plialtigo de la membrokotizo ne estis akceptata. Laŭ instigo de la angla ligo oni decidis oferi je la unua dimanĉo post la festoj Senmakula koncepciito, Sankta Kasimiro, Korpo de Kristo kaj Sankta Francisko de Asizio la sanktan komunion por la prospero de la movado.

La prezidanto fermis je la 13-a horo ĉi tiun kunsidon. En la finkunsido, kiu komenciĝis je la 15 ½ h. oni unue daŭrigis la diskutadon el la ĝenerala kunsido. La taskon, elekti kongreslokon por la sekvonta kongreso, oni donis al la estraro, ĉar kelkaj proponoj alvenis i. a. Praha, Gerona, Luksemburgo, Vieno kaj Budapest. Rilate la Esperanto-museon en Vieno oni decidis ne diskuti pri ĝi, ĉar ĝi ne estas katolika aranĝo. Laŭ inic[illegible] de pastro Ramboux la kongreso unuanime akcep[illegible] jenan

**proteston kontraŭ la persekutado en Meksikijo.**

« *La dektria konzistanta el reprezentantoj de 13 landoj kongreso de la katolikaj Esperantistoj energie protestas kontraŭ la persekutadoj de la katolikoj en Meksikio, precipe kontraŭ la atenco je la libereco kristane eduki la geknabojn Meksikajn, kies elverŝita sango certe estos semo de nova vigla vivo kristana.* »

Post vigla diskutado pri *gazetservo* kaj *propagando de Esperanto* inter katolikoj s^ro *Heilker* en la nomo de «Nederlanda Katoliko» danki al la kongresanoj pro la multnombra vizito de la kongreso, al la prezidanto pro la bona gvidado de la kunvenoj kaj al la Tilburgaj klubo kaj L. O. K. pro la modela aranĝo de la kongreso. Li esperis, ke la vizitintoj ĉiam memoru pri la belaj kaj interesplenaj tagoj, kiuin ili travivis en Nederlando. Sekvis finparolado de prof. *Font Giralt* en kiu li esprimis la dankon de la eksterlandaj gastoj pro la gastema akcepto de la kongresanoj. Li finis dirante : «En nomo de Dio, antaŭen, antaŭen ! »

Nun oni kantis la katolikan kaj nederlandan himnojn.

Je la 19-a vespere estis komuna vespermanĝo en hotelo Riche. Sekvontan tagon kelkaj kongresanoj faris ankoraŭ ekskurson al Eindhoven.

* *
*

Al ni katolikoj tutmondaj ne sufiĉas nur prilingvaj studoj kaj traktadoj. Tion rekonante

IKUE serĉis kaj trovis kongrestemon : *La instruado katolika*. Se rilate la Esperanto-movadon la kongreso bone sukcesis, ni devas tamen konstati, ke la traktadoj pri la kongrestemo ne kontentigis la kongresanojn. Tiaj raportoj ne montras, ke la surdmutuloj (laŭ Richardson), havantaj komunan lingvon, vere fariĝis familio, ĉar la anoj de familio kaj ne kontentiĝas je la aŭskulto pri la laboro de frato. Same ankaŭ ni katolikoj nepre bezonas la komunan agadon, kaj al ni esperantistoj estas la nobla tasko, plimultigi kaj plifortigi la internaciajn rilatojn katolikajn. Per tio ni ankaŭ prosperigas nian lingvon, ĉar ju pli da internaciaj rilatoj, despli granda la bezono de internacia helplingvo, des pli granda ankaŭ la nombro de tiuj, kiuj lernas kaj uzas nian lingvon.

Sed al la estonta dekkvara de IKUE ni deziras ke ĝia sukceso ankoraŭ estu pli granda precipe rilate kongrestemon, por ke, pluen marŝante sur la komencita vojo la unueco en la internacia agado de la katolikaj esperantistoj plej baldaŭ efektiviĝu. P. KLEIN.

## LA MALĜOJIGA AKTIVECO DE CERTAJ ESPERANTISTOJ.

Tradukita el « *L'Osservatore Romano* ».

Sub la titolo « La triste Attivita di certi Esperantisti», la vatikana organo en sia numero de la 31 aŭgusto 1928 publikigis jenan rimarkindan artikolon :

«Okaze de la Internacia Kongreso de la Katolikaj Esperantistoj, kiu antaŭ nelonge okazis en Tilburg kaj pri kiu ni raportis en nia numero de la 24 aŭgusto, famkonata katolika Esperantisto itala tiras nian atenton al la detruanta agado kontraŭ la katolika Eklezio de kelkaj Esperantaj libroj kaj ĵurnaloj pasantaj tra la manoj de la anoj de tiu helplingvo. I. a. li skribas :

« Hodiaŭ, kiam tiu lingvo konsiderinde disvastiĝas en la popolo, okazas, ke pro amo al legado, ankaŭ por perfektigo multaj homoj legas tiajn publikigaĵojn. Kaj estas dolore konstati, ke eĉ gazetoj de instrua karaktero por la junularo, ekz. la gazeto « La Lernanto » aŭ « Der Arbeiter-Esperantist » (La laborista Esperantisto) kaj aliaj, enhavas blasfemajn artikolojn. Ekzemple la unua iranta tra la manoj de geknaboj en ĝia lasta numero (III-a jaro, n-o 7, 12 julio 1928) enhavas teruran artikolon titolitan «Sanktula Anatomio». Tiu ĉi artikolo en abomena maniero pretendas malkovri, ke la katolika Eklezio proponas al la honorado de siaj kredantoj eĉ bestokadavrojn anstataŭ Korpoj de Sanktuloj, kaj en diabla frazo nomas la preĝejojn lokoj de stulteco.

La gazeto «Sennaciulo» depost kelkaj jaroj ĉiusemajne publikigas abomenajn artikolojn kaj bildojn laŭ la stilo de tiu itala ilustrita gazeto longtempe fifamkonata en Italujo.

Mi rezignas paroli pri alia perioda publikigaĵo de filozofia-religia karaktero (Oomoto), kiu disvastigas teoriojn malutilajn al la kristanaj konsciencoj kaj en evidenta kontrasto al la Sankta Skribo.

En ĉi tiuj tagoj (de la 12 al la 15 aŭgusto) en Tilburg (Holando) sub la protekto de Msgr. Th. van Wetering, ĉefepiskopo de Utrecht, kaj de la episkopoj de 's Hertogenbosch, Roermond, Breda kaj de la ĝenerala vikario de la eparkio Haarlem, la katolikaj Esperantistoj tutmondaj okazigis sian 13-an internacian kongreson...

Tiu unuiĝo ne forgesis aŭdigi sian vokon por bedaŭri la dolorindan silentadon de la katolikoj en la batalo de Esperantistoj kontraŭ la Sankta Patrino Eklezio kaj kontraŭ la katolika kredo. »

Je la bedaŭro de nia informanto kaj de la kongreso de Tilburg resonas nia plej forta protesto, ne libere de miro vidi, kiamaniere ankaŭ tiu eltrovaĵo (Esperanto) estas tiel terure fiuzata, por ĵeti semerojn de malkonkordo inter la samajn anojn de tiu lingvo, kies disvastigon ili nomas nova granda ilo por pli bone unuigi inter si la homojn.

trad. PASTRO MARTIN, MOMMERTZ.

## Porpaca Kongreso en Praha.

Dum la lasta semajno de aŭgusto okazis en Praha grava kongreso, kiun aranĝis la tutmonda ligo por interamikiĝo de la popoloj pere de la eklezioj. La kongreso daŭrigis la klopodadojn de la konataj kongresoj en Stockholm kaj Lausanne, t. e. unuigi ĉiujn nekatolikajn eklezioj en praktika laboro kristana, ĉijare en la laboro por tutmonda paco. Partoprenis ĝin eminentaj reprezentantoj protestantaj kaj ortodoksaj, inter aliaj dro. Nathan **Soederblom**, ĉefepiskopo de Upsala, dro. **Simons**, prezidanto de la plejsupera juĝistaro germanlanda, Albert **Thomas**, estro de la internacia laboroficejo en Genève, dro. **Dickinson**, el Anglujo, k. a.

La malĉeesto de nia eklezio klariĝas el la samaj kaŭzoj, kiuj malebligis la partoprenon al la Stockholma kaj Lausanna kongresoj.

Tamen la kongreso meritas nian atenton el diversaj vidpunktoj : **Kial la katolikoj ne aranĝas tutmondan kongreson porpacan ?** Certe nia eklezestro en Roma jam ofte aŭdigis sian voĉon por la interpaciĝo de la popoloj ; certe de jaro al jaro okazas diversaj kongresoj naciaj kaj internaciaj de la katolikoj, kiuj malgraŭ diversaj kongrestemoj lastfine celadas la interkompreniĝon de la katolikaro ; eĉ okazas vere porpacaj kongresoj, ekzemple la polagermana kaj la germana-franca, sed tamen, kongreso, kiun partoprenas ekleziaj aŭtoritatuloj tutmondaj, kies temo estus speciale **praktikta paclaboro**, estas ankoraŭ dezirinda. Oni ja ne povas nei, ke decidoj kaj rezolucioj porpaca unuanime faritaj de diversnaciaj episkopoj katolikaj dum kongreso multe pli aŭdiĝus kaj efikus ol similaj decidoj de iaj senaŭtoritataj personoj. Verŝajne la registaroj kaj parlamentoj eĉ tian manifestacion porpacan ne atentus kaj irus plu siajn vojojn, sed almenaŭ : en la katolikaro oni fine ekkomprenus, ke **la porpaca laboro estas afero de praktika katolikismo.** Fakto ja estas, ke ĝisnune la pacmovado ekkaptis nur relative malgrandan parton de la katolikoj ; la plej granda parto staras ankoraŭ flanke, ĉu indiferente, ĉu eĉ malsimpatie, sed la supre nomita iniciativo tre verŝajne donus tiel fortan impulson, ke el la pacmovado evoluu vere katolika popolmovado. Ĉu ni ree lasu al la nekatolikoj kaj senreligiuloj la antaŭiron ? Materialo por dumkongresa diskutado estus sufiĉe multa. Eĉ se oni flanken lasus la pure politikajn aferojn, oni ne povus plendi pri manko de traktotaĵoj ; mi menciu nur kelkajn punktojn : Ĉu nuntempe milito laŭ katolika moralo estas permesita ? Eĉ tiel nomita defensiva milito ? Ĉu la katolikoj havas la konsciencan devon, rifuzi la militistan servon ? Kia estus la zorgo pri la religioj bezonoj de alilingvaj malplimultoj en la diversaj naciaj ŝtatoj ?

Dum la kongreso en Praha oni parolis ankaŭ pri la **paclaboro de nia eklezio,** kies **meritojn pri la interpacigo** dum la mezepoko laŭdis la referato de la konata greka ambasadoro **Politis**. Interalie li diris :

« *Preskaŭ ne necesas mencii, kion faris la eklezio dum mezepoko kontraŭ la privataj militoj — kaj por la paco — pere de ekskomunika praktiko, konciliaj decidoj kaj enkonduko de «Treŭga Dei». Al la klopodadoj de la ekleziaj teologioj ni ŝuldas, ke oni limigis la rajton al milito, diferencigante inter justa kaj maljusta militoj. Ĉi tiu granda progreso ja nuliĝis per la venko de la politika absolutismo en la 16-a jarcento, sed ne por ĉiam. Ĝi reviviĝis post mondmilito en la kondamno de la defensiva milito kiel internacia krimo kaj lasttempe en la tiel nomita « Kellogg-Konvencio». Fine oni ne forgesu, ke dank' al la eklezio mezepoka oni ne nur konsoliĝis pri la ideo de tutmonda universalismo, sed ankaŭ iugrade jam efektivigis ĉi tiun ideon formante internacian kristanan ŝtataron. La plua evoluo de l'ideo estis malhelpata per politikaj komplikaĵoj ; sed la tradicio vivanta en la scienco de la internacia juro, kondukis fine al la ligo de popoloj.* »

Eble multaj katolikoj nur per ĉi tiu nekatoliko ekscias pri la glora grandioza paclaboro de l'eklezio en la mezepokaj jarcentoj. Ĝojigas nin, ke tia eminentulo nekatolika ŝatas laŭmerite la agadon de l'eklezio ; sed malĝojige estas, ke ni posteuloj jam delonge cedis la ĉefan rolon en la pacmovado al aliaj. Ne utilas, ripozi sur la laŭroj de la pasinteco, la homaro ŝatas nur **nian** laboron.

Sro. Politis montris ankaŭ praktikan vojon al la homara solidareco — certe nur unu el multaj kaj jam ofte predikata edukado de l'infanoj al pacemo, precipe per reformita historia instruo en la lernejoj. « Oni devas, diris li, nepre rifuzi la instrumetodon, kiu gloras nur la idealojn de la propra patrolando kaj malgrandigas la ecojn kaj meritojn de la ceteraj popoloj. Tiamaniere instruate, la historia instruo fariĝas instruo de malmoraleco. Justa taksado de la historiaj okazintaĵoj kutimigas la infanojn, ke ili, plenkreskinte, objektive juĝu pri la samtempaj problemoj kaj taŭge kontrolu la eksteran politikon de siaj registaroj. »

El la referato de s-ro. **Thomas**, la prezidanto de la internacia laboroficejo en Genèves, oni povis ekkoni la sintenadon de la laboristaro al la paclaboro de la eklezioj ; li pravege akcentis, ke la **laboristaro respektos nur eklezion laborantan porpace** ; ĉar Kristo mem diris : Laŭ iliaj fruktoj vi ekkonos ilin !

Kompreneble la kongreso ne povis eviti la **problemon de la malarmigo.** Oni voĉdonis tiurilate rezolucion, kiu malfacile formuliĝis ; kaŭzo : rezervo de la **francaj** reprezentantoj. Eĉ ĉikaze estis konstatebla antagonismo inter la ŝtatoj jam malarmiĝintaj kaj la t. n. **«venkintaj ŝtatoj».**

Kiel rilatis la **ĉeĥoslovaka registaro** al la kongreso ? La prezidanto de la republiko, s-ro. **Mazaryk,** sendis simpatian telegramon el la manevroj de la ĉeĥoslovaka armeo ; la ministro por eksterlandaj aferoj, d-ro. **Beneŝ,** diris en sia salutletero interalie :

« *Kiel en la tempoj de la prakristanismo, tiel ankaŭ nuntempe la homaro bataladas por novaj idealoj kaj serĉas novajn vovojn, ĉar la ĝisnunaj societoj kaj ideaj formoj ne plu konformas. Ĉio evoluadas. Tion kompreni kaj sindone servi la socialan progreson kaj pacon inter kaj en la popoloj estas la unusola kaj plej taŭga metodo, laŭ kiu nuntempe la eklezioj realigu la belajn, etikajn principojn de la monta prediko de Jezuo.* »

Certe trafaj vortoj, sed ankoraŭ realigotaj per faktoj de la registaroj kaj eklezioj.

KARL CZECH, pastro.

## LETERO EL SOVETLANDO.

Tre estimata s-ro redaktoro !

Mi ne scias ĉu miaj korespondaĵoj bone atingas vin, tamen mi eĉ hodiaŭ decidas iom skribi por via ŝatata gazeto K. M.

La Centra Komitato de la Komunistika Partio komisiis al la frakcio de la sendiulunuiĝo je monata limtempo ellabori planon de la **kontraŭreligia propangando inter infanaro.**

Tiu ĉi decido de la Centra Komitato vidigas, ke oni ree tre atentis la kontraŭreligian agitadon en medio de la infanaro. La gazetaĉo « Sendiulo » (Bezbojnik) sciigas: « Sisteman kontraŭreligian agitadon inter infanaro oni ne okazigas. Sed neniu neigas, ke religia infanaro estas granda danĝero por socialisma laboro ». Ĝi ĝemploras, ke en kelkaj urboj, ekz. en Moskva, la gepatroj de « kelkaj infanoj invitis kontraŭ salajro monaĥinon por instrui je Dieĝo siajn infanojn ». La instruisto skribas, ke « dum festaj tagoj 85 ĝis 100 % de lernejoj ne funkcias pro foresto de la gelernantoj ». Ĝenerale dum religiaj festoj multaj lernejoj ne havas gelernantojn.

Oni kalkulas, ke en USSR estas ĉirkaŭ 20 milionoj da infanoj de pionira aĝo, sed nur 2 milionojn da ili entenas la pionirorganizajoj kaj nur duono el ili lernas. En la sovetaj lernejoj nuntempe kvanto da religiemaj gelernantoj en apartaj okazoj atingis 40-50 %.

« La procento de nekredanta lernantaro ĉiam malpligrandiĝas », skribas instruistoj. La statistiko montras tion. En unuaj (malsuperaj) klasoj de la lernejoj en Permj post esploro okazis 28 % gelernantaro religiema, sed en pli superaj klasoj atingis eĉ 34 %. Jen estas dua ekzemplo. En la fino de la pasinta lernjaro oni okazigis en Moskva-a sendiulunuiĝo kune kun la instruistaro anoniman enketon, celantan ekscii rilaton de la gelernantaro de lokaj urbaj lernejoj al la religio. La enketon respondis 875 infanoj, el ili estis 469 knaboj kaj 406 knabinoj. El tiu ĉi kvanto 31 lernantoj deklaris sindubantaj je religiaj demandoj. La enketo montris 36, 9 % de kredantaj knaboj kaj 67 % de kredantaj knabinoj. Grande maltrankviligas tio, ke la kvanto de la kredanta gelernantaro, malgrandiĝiganta de 5a al 7a klaso, denove pligrandiĝas en 8a kaj 9a klasoj. Se en la 5a klaso, 55, 2 % de la kredanta gelernantoro, en 6a klaso 54 %, en 7a klaso 38,7 %, sed en la 8a klaso estas 44, 2% kaj en la 9a klaso estas 58, 1 % de la kredanta gelernantaro. Tiamaniere la gelernantaro, finiĝanta mezan klerigon en la sovetaj lernejoj,estas pli religiemaj ol la gelernantoj, kiuj finis malsuperajn lernejojn. (En Sovetunio malsuperaj lerneoj havas 4 klasojn kaj mezaj lernejoj havas pluajn, komencante de 5a -9a klasoj).

La gazetaĉo alarmas: « La situacio estas serioza. La soveta lernejo ne asekuras la infanaron kontraŭ religia infekto». La instruistaro apatie al la kontraŭreligia propagando rilatas. Iafoje okazas tiuj malbonaj «ekzemploj». La lernejinspektisto de Armavir-a distrikto, s-ro Resetilov- vizitante la lernejojn, proponis la jenajn demandojn al la gelernantaro: « Vi respondu: Kien forflugis la animo de Lenin, ĉu en paradizo? Sur kiun monton Kristo portis la krucon ? ».

Eĉ en Moskva la gelernantaro vizitas diservojn kaj mistiko komencas penetri en studentaran medion de la universitatoj. En la lernejoj de Nagornij Karabaĥ ekzistas religiaj rondetoj, kiuj luktas kontraŭ la instruistoj ateistaj. Oftaj estas okazoj, kiam la geinstruistaro ĉeestas diservojn. En vilaĝo Georgievskoje, gubernio de Orenburg, tiea vilaĝa estraro fermis la lernejon kaj fordonis ĝian konstruajon por pastra loĝejo. La kontraŭreligia agitado devigas la kredantaron prizorgi la preĝejojn kaj ofte okazas, ke paroĥanoj propravole kolektas monon kaj uzas por akiro de sonorilego, ekzemple en vilaĝo Sokolŝĉevo por 7 mil rubloj oni aĉetis la sonorilegon, aŭ por konstrui novan preĝejon, ekzemple laboristoj de fabriko Krasnij Oktjabrij (Ruĝa Oktobro) en Smolenska gubernio kolektis 15 mil rublojn kaj konstruis la preĝeton. Okazas, ke eĉ membroj de profesiaj organizajoj malamike rilatas al la kontraŭreligia propagando, ekzemple en Murom la ĉelo de la Sendiulunuiĝo responde al ĝia peto pri monhelpo por la kontraŭreligia agitado, ricevis la jenan respondon de la estro de la klubejo : « Vi iru, tenante en la manoj ĉapon, petante monhelpon ĉe preterpasantoj kaj eble vi kolektos tiamaniere sufiĉan bezonan monsumon por via laboro. »

Sincere mi salutas vin. Kiel fartas via gazeto ? Mi eĉ «per unu okulo» ekdeziras vidi ĝin !

Tute via VJATIĈ.

## NI ATENTIGAS

**la aldonitan specialan cirkuleron.**

## LA INTERNACIAJ RILATOJ DE LA KATOLIKISMO.

*De grafo Ernest J. Zichy (Hungarujo).*

La jenan rimarkindan artikolon ni represas el « Vox Hungarica » kvankam la diro, ke la «Union d'Etudes», de Fribourg, estas la *sola* organizo, kiu okupiĝas pri la katolikaj problemoj en iliaj internaciaj rilatoj, ne estas korekta.

RED.

Depost la Granda Milito fondiĝis multaj internaciaj organizaĵoj por diskuti aŭ certigi la decidojn de la packontraktoj. La katolikaj interesoj tie estas nenie kaj neniel reprezentitaj. La Katolika Unuiĝo de Internaciaj Studoj («Union Catholique d'Etudes Internationales») estas la sola institucio kiu povus diri, ke ĝi gajnis kelkajn rezultojn per sia interveno ĉe la Ligo de Nacioj.

Tiu Unuiĝo Katolika estas en la nuna momento la sola organizaĵo, kiu okupiĝas pri la katolikaj problemoj en iliaj internaciaj rilatoj ; kaj, kiel ĉie, la grado de la efikeco de ĝiaj rezolucioj kaj decidoj estas bedaŭrinde malgranda. La Unuiĝo Katolika estas la sola organizaĵo, kiu oficiale okupiĝas pri la katolikaj demandoj ; en ĉiuj aliaj oficejoj la katolikismo ne havas kiel tia ekzistorajton, ĝi nur estas preteksto por politikaj aferoj aŭ ligilo inter du vidpunktoj, ekz. inter la raporto pri la laboroj de la misiistoj kaj la mandata problemo antaŭ la Ligo de Nacioj.

Por gajni la eblecon, postuli la protekton de la Ligo de Nacioj por pure katolika demando, por povi diskuti atakon kontraŭ la morala prestiĝo aŭ la materia bono de la katolikismo en la Internacia Unuiĝo de la Asocioj por la Ligo de Nacioj aŭ en la Interparlamenta Konferenco, estas nepre necese, ke la katolikaj membroj de la diversaj delegitaroj, apartenante al la nomitaj asocioj, estu organizataj, informataj, gvidataj kaj kontrolataj per la plej supera gvido de la Unuiĝo Katolika.

La rezulto de tio estus jena : sen ŝanĝo en la karaktero de ĉiu kunveno, ekzistus tie en ĉiu delegitaro kaj en ĉiu komisiono unu aŭ du delegitoj katolikaj, kiuj estas samtempe membroj de la Unuiĝo Katolika kaj kiuj estas ricevintaj antaŭe siajn instrukciojn pri la tagordo de la kunsidoj kiujn ili ĉeestas. Tiel formiĝus inter tiuj personoj per ilia kunlaborado kaj per ilia persona kontakto ligiloj, kiuj fariĝus pli kaj pli fortaj kaj kiuj faciligus la reprezentadon kaj la defendadon pli aŭ malpli efikan de la katolikaj interesoj kaj vidpunktoj. Tiuj interesoj koncernas precipe la problemojn de la malplimultoj (minoritatoj), de la lerneja instruado kaj de la propagando. La agado de la Unuiĝo Katolika devas esti absolute senigita de ĉia influo politika, por ke tiu agado, elvenante nur el profunda religiemo, ne fariĝu ofero de la pasioj de la partioj.

Se la Unuiĝo Katolika sukcesus enpenetrigi en la grandajn internaciajn instituciojn, siajn senditojn nepre fidindajn, tiam mi estas certa, ke ĝi havos rezultojn multe pli seriozajn kaj multe pli multnombrajn ol en sia nuna stato, kie ĝi nur povas daŭre fari proponojn, raportojn aŭ plendojn adresitajn al la internaciaj oficejoj, sen oficiala karaktero kaj ne havante la konvinkon, ke la agado estos nepre efika.

La granda ligilo, kiun signifas la katolikismo por ĉiuj siaj anoj, la grandegaj interesoj je ĝia ekzisto kaj ĝia daŭro, la sennombraj servoj, kiujn ĝi de deknaŭ jarcentoj faris al la kristana kaj nekristana homaro, pravigas ĉiujn klopodojn fari ĉiujn por plibonigi la internacian situacion de la katolikismo.

## Naciaj abonejoj de K. M.

**Hispanujo :** Casal Catolico (Esp. Amikeco), Barcelona S. A. Pons y Gallarza 58 y 60.

**Litovujo :** Prelato d-ro A. Dombrovski, Kaŭnas, Rotusas aikste 6.

**Rumanujo :** Profesoro Tiberio Mararıu, Bucuresti, str, 11 Junie 80.

**Svisujo :** Otto Kostezer, St. Gallen C., Melonenstr. 61. Postĉekkonto IX 1687 St. Gallen.

Niaj legantoj en la supre nomitaj landoj estas petataj, ke ili sendu la abonkotizon al la menciitaj adresoj.

## VOX HUNGARICA.

Ekaperis sub la titolo « Vox Hungarica, Organum Internationale Hungariæ Catholicæ » (Hungara Voĉo, Internacia Organo de la Katolika Hungarujo) bonege ilustrita kaj belaspekta kvaronjara gazeto (Adr. : Budapest VIII., Kisfaludy-u-24). Ĝia titolo estas, kiel vi jam rimarkis, latinlingva, sed la teksto de la enhavo estas redaktita en kvin naciaj lingvoj : franca, angla, germana, hispana, itala. (Cetere — tio estu dirata en krampoj — la lingva malhelpo montriĝas en parte tre malbona traduko, kvankam oni komprenas.) Tiu organo estas sendata senpage al eksterlandaj katolikoj, la oferemo de la hungaraj samkredanoj pagas ĝin. La celo de la gazeto estas, montri al la eksterlandanoj la situacion de Hungarujo, ĝiajn plendojn kaj kritikojn pri la packontrakto de Trianon, kaj propagandi por la fondo de Tutmonda Asocio de Katolikaj Amikoj de Hungarujo.

La ideo, ke la hungaraj katolikoj mem volas montri al siaj samkredanoj tutmondaj, kiel ili pensas kaj kiajn argumentojn ili havas por sia sinteno politika, kiu kelkfoje ŝajnas iom stranga kaj kiu ĝenerale nur estas sciigata al ni de la alia flanko, estas bonega. Kaj mi rekomendas al ĉiu, kiu okupiĝas pri la problemoj tuŝantaj Hungarujon kaj senantaŭjuĝe interesiĝas pri ĝi, ke li petu alsendadon de tiu gazeto. Li tie trovos senperan informadon de hungaraj katolikoj mem, do li ne plu bezonas kontentiĝi pri la aliaj nedirektaj informfontoj. Kaj li ekkonos, kiel la hungaroj vidas la politikajn aferojn. Ĉar tiu sinteno politika estas nepre diskutinda (kvankam mi persone vidas la aferojn [illegible] alie), kaj senantaŭjuĝa ekzameno estas necesa [illegible] kaŭ por tiu, kiu ne estas samopinia.

Ke la packontraktoj post la mondmilito ne estis perfektaj, pri tio ja neniu en la mondo dubas, kaj la hungaroj havas plenan rajton, aŭdigi internacie siajn plendojn. Kaj sendube la nobla popolo de la sankta reĝo Stefano meritas tion da simpatioj en la katolika mondo, ke oni volonte aŭskultas ĝin.

Sed malgraŭ tio — aŭ eble ankaŭ ĝuste pro tio — mi tre bedaŭris en la gazeto kelkajn aferojn (mi nun *ne* parolas pri la *politikaj* opinioj, kies diskutado ne estas tasko de K. M.). Unue, ke oni ŝajnas malestimi aŭ almenaŭ ne rekoni kiel samvaloraj niajn fratojn, la orientritajn katolikojn. Ĉu ili ne estas same membroj de nia Una Sankta Katolika kaj Apostola Eklezio kiel la latinritaj kristanoj ? Kaj due mi bedaŭras la malmulte amoplenan tonon, kiun oni uzas kontraŭ Ĉeĥoslovakujo kaj kelkaj aliaj najbaraj ŝtatoj. Komprenèble la hungaroj plene rajtas montri la plendojn pri la situacio de la hungaraj katolikoj en nehungaraj ŝtatoj. Sed batalante kontraŭ maljustajoj, oni ne rajtas insulti tutajn naciojn, sed devas respekti ankaŭ la naciajn sentojn de aliaj. Espereble la klopodo de la hungaraj katolikoj, veni en pli bonan kontakton kun la katolikoj tutmondaj — el tiuj klopodoj ja ankaŭ estiĝis la « Vox Hungarica » — helpos veni unue al pli bona reciproka kompreno kaj poste al vera interpaciĝo sur la fundamentoj de la justeco kaj de la amo.

W. S.